

FENIKSO
INFORMILO POR
AMIKA
RONDO DE
ESPERANTAJ-
KOLEKTANTOJ



Nr. 20. 15. 3. 1972 Kvara jaro nr. 2

## Denove problemo!

S-ro Amouroux skribis :

... En la aprila numero de ESPERANTO (organo de UEA) mi legis kun granda intereso la artikolon de s-ro Adolf Holzhaus pri "Historio de spesmilo", kaj mi intencis fari plian studon pri tiu malnova afero..

Antaŭ nelonge mi akiris la karton malsupre fotokopiitan..Tiu karto estas permane skribita informpeto de s-ro Hodler. Ĝi estas regule afrankita, poŝtstampita en Genevo la 19.10.1908 kaj adresita al S-ro André en Parizo.

Vi povas rimarki, ke la svisa poŝtmarko estas ĉirkaŭita de antaŭpresita kadro kiu indikas "ESPERANTO - lingvo internacia - 4 spesdekoj". Tiu kadro vekis en mi granda scivolemo, sed mi ĝis nun ne sukcesis scii, kion celis tiu ĉirkaŭa kadro. Ĉu estas simpla reklamo? Mi dubas, ĉar la maldekstra ankaŭ antaŭpresita teksto jam varbas por Esperanto.

Ĉu ĝi signifas, ke UEA pagis per la ĵus fondita pagsistemo de spesmiloj 4 spesdekojn por la afranko de la respondo de s-ro André ? Nun ni ja havas respondkuponojn por tion fari.

Se tio estus, la karto ja havus valoron kiel "karto kun pagita respondo", do por ni interesa sur la filatela kampo. Mi opinias ke tiu

UNIVERSALA

ESPERANTO-ASOCIO

UNIVERSALA POŜTA UNIO

POŜTKARTO

Tiu ĉi flanko estas nur por la adreso




Sro Aug. André

Rue Beaubourg 109

Paris

France

dua solvo estas la bona, sed pruvojn mi ne havas. Jam pri tiu afero mi skribis al nia membro, s-ro Kuipers, kiu vizitis la sidejon de UEA en Rotterdam kun la fotokopio kaj miaj demandoj pri klarigo. Li nur ricevis evitantan respondon. Verŝajne por UEA tia afero estas nur infanaĵo.

Tamen por ni filatelistoj, kolektantoj de la temo ESPERANTO, mi opinias, ke krom plena valoro por Esperanto-arĥivo tiu karto meritas unuarangan vicon en kolekto.

Eble iu el la legantoj de Fenikso povos ion interesan diri.

-

Rimarko de red.: Mi vere supozas, ke la ideo pri "pagita respondo" estas ne-ĝusta, ĉar tiumaniere oni ne povus administri la aferon sen skribi la respondon sur la sama karto kaj resendi la tuton. Mia opinio estas, ke la 4 spesdekoj simple estas vendprezo de la karto, - ke oni povus aĉeti tiajn kartojn en la ĉefkontoro de UEA por tiu sumo (4 spesdekoj = 10 centimoj) kaj ke oni per tiu iumete faris apogon por la Esperanto-movado.

Alia solvo estas, ke ĝi povus esti speco de "antaŭkuranto" por la nunaj "servkuponoj" uzataj de membroj, kiuj faras demandon al UEA-delegito. Do, atesto pri la membreco de la demandanto en la organizo. Nur mia penso, ankaŭ mi estus ĝoja, se iu havas klarigon. Kion diras la tiutempaj Esperantorevuoj?

-oooOoo-

STAMPO-SERVO INFORMAS:

Jam en Fenikso nr. 15 mi devis peti vian paciencon pro familiaj zorgoj. Ilin kaŭzis grava malsano de mia patrino, kiu post longaj monatoj de senmoveco forlasis nin je la somerfino por ĉiam..

Do mi volas ankoraŭfoje peti pardonon tiujn de vi, kiuj vane atendis respondon de mi aŭ novaĵon de Stampo-Servo, ĉar mi simple ne povis. Nur en lastaj jarsemajnoj mi ordigis la kaoson sur mia skribotablo kaj donis vivsignojn al membroj de novaĵ-servo.

Bedaŭrinde estas, ke ekonomia rezulto de Stampo-Servo sekve de tio ne estis tiom alta en jaro 1971 kiel en jaro 1970. Influis tion kompreneble ankaŭ, ke en pasinta jaro aperis malpli da novaj stampoj ol en jaro 1970, sed pro mia silento membroj de novaĵ-servo plej parte serĉis mem la stampojn. Mi ne povas miri, mi ne farus alie. Despli mi dankas al tiuj, kiuj trankvile atendis ĝis mi denove reviglIĝis kaj tiel multe subtenis nian klubon. Ankaŭ ĉijare helpis grandanime amiko Bielak, kiu donacis pli ol cent stampojn, ne nur el novaĵoj, sed ankaŭ de pli malnovaj duoblaĵoj. Plue donacis kelkajn stampojn niaj membroj: Lakemond, Majewski, de Salvo, Strönne, Amouroux, Paulsson, Biesaida, Chamaret kaj Gil.

Problemoj denove estis kun novaj stampoj de Hungarujo, kiujn mi ĝis nun ne akiris. Tamen mi havas etan esperon havigi ilin dum la proksima tempo. Mi plue klopodis trovi tie stampokolektanton, kiu regule kaj tuj post la apero povus liveri novajn hungarajn stampojn interŝanĝe por novaĵoj de aliaj landoj.

Mi esperas, ke en jaro 1972 Stampo-Servo funkcios jam regule. Tamen por tio mi denove bezonos helpon de vi ĉiuj, precipe en jenaj punktoj:

1) kiam vi ekscios, ke en via aŭ najbara lando aperos aŭ aperis nova E.stampo, informu min afable. Grava estas preciza indiko de la tempo, en kiu la poŝto uzas ĝin.
2) se vi havas eblecon persone partopreni la aranĝon, dum kiu oni uzas la stampon aŭ trovas alian vojon, kiel ĝin akiri en pli granda kvanto ankaŭ por viaj amikoj pere de Stam-

po-Servo, vi tiel multe faciligos mian laboron. Dezirinde estus interkonsenti unue kun mi koncerne la kvanton, por ke pluraj membroj ne sendu la saman stampon.

3) Se vi direkte povas influi aspekton de la stampaĵo memoru jenajn konsilojn: koverto se eble blanka, ne tro granda, preferinde porokaza, speciala, se ekzistas. Poŝtmarko en hela koloro, stampo kompreneble klara ne disŝmirita, unu sur angulo de la pm kaj dua en maldekstra parto de la koverto.

Mi ankoraŭfoje dankas por via pacienco en pasinta jaro, por kunlaboro, kaj alvokas vin al plua helpo materia - per donacoj el viaj duoblaĵoj aŭ novaĵoj, kaj ĉefe per riĉaj mendoj laŭ "Listo de haveblaj stampoj". Nur tiel ni povos malgraŭ kreskantaj prezoj kaj poŝttarifoj havi Fenikson tiel ofte kiel ĝis nun.

Frank Tichý

-oOOo-

ANKORAŬ IO PRI LA KRAKOWA E-STAMPO

Al la problemo - cetere jam solvita kaj bone respondita de s-ro Amouroux en la 18-a numero de Fenikso - pri la Krakowa E-stampo, mi aldonas ankoraŭ finan rimarkon.

En la "Bohema Revuo Esperantista", jaro 1912, p. 100, mi legis longan kaj detalan raportaĵon de partopreninto de la kongreso jenan por ni interesan informon:

" Apartan mencion meritas ankaŭ la kongresa poŝtoficejo instalita de la poŝtdirekcio en proksima apudeco de la akceptejo, kie senĉese deĵoris almenaŭ du poŝtistoj-esperantistoj (el sep sciantaj Esperanton). Tiu ĉi esperanto-poŝtfilio ekspedis en la unuaj tri kongrestagoj 20 mil da poŝtaĵoj!"

Kvankam ĉi tie ne estas mencio pri la uzo de

speciala poŝtstampo, ni povas esti certaj, k(
(ni stampis per stampilo farita por la kongres(
Kio povas nin mirigi, estas la nombro de la
poŝtaĵoj. Certe ĝis fino de la kongreso ĝi
kvanto ankoraŭ kreskis. Sed bedaŭrinde, el ti
granda amaso da stampitaj kaj ekspeditaj karto
kaj leteroj preskaŭ nenio konserviĝis. Jes l
homoj facile forĵetas kaj neniigas ricevi
tajn memoraĵojn. Sed tiutempe neniu pensis pri
kolektado de stampoj. Tiam la stampoj ne estis
konsiderataj kiel kolektmaterialo.
Tial ĉiu Esperantostampo de tiu epoko estas
nun vera raraĵo, precipe se oni posedas ĝin sur
afrankita poŝtkarto aŭ koverto, kiu iris regule
per poŝto. - Restas nun sola konsilo: Daŭrigi
en la serĉado de (eble!) ankoraŭ ekzistantaj
stampoj; eble ie en forgesita tirkesto kuŝas
ankoraŭ unu peco por via kolekto!
La Krakowa kgr-stampo estas n e p r e oficiala!

Dolfa Bartoŝik

-oOOo-

ESPERANTO-POŜTMARKO EN USONO ?

En oficiala bulteno de la UEA-kgr en Portland, datita de 22-a feb. 1972 troviĝas jena informo:
Dank' al klopodoj de individuaj esperantistoj la usona instanco, kies tasko estas decidi pri eldono de poŝtmarkoj, nuntempe konsideras la proponon pri speciala poŝtmarko okaze de la 57-a UK de Esperanto. La uzo de okaza poŝta stampilo estas jam konsentita de poŝtaj aŭtoritatoj.
Tiun ĉi informo mi konsideras tre grava por ni AREKanoj. Espereble tiu nova E-pm aperos.
La poŝtstampo, la unua en Usono, estas jam certa.

Dolfa Bartoŝik

Pri la sama temo skribis nia usona membro:

"Mi esperas, ke la Portlanda kongreso havos almenaŭ poŝtan, maŝinan varbstampon, kiu eble estos instalita en la Portlanda poŝtoficejo en Majo. Linn's Stamp Gazeto, usona filatela gazeto, faros specialan eldonon kun artikoloj pri Esperanto-filatelo okaze de la kongreso. Mi mem preparos artikolon pri Esp.-afrankstampoj.

Werner Simon

-oOOo-

DAURIGA DISKUTO PRI ADRESITAJ KOVERTOJ

R. Prodanescu skribis i.a.:
...estas permesata al mi ne samopinii kun vi koncerne la E.stampoj. Al mi plaĉas havi E.sta sur neuzitaj kovertoj aŭ poŝtkartoj, ĉar ili aspektas pli belaj. Aliflanke, se mi deziras uz-igi ilin, mi mem povas tion fari surskribante miajn nomon kaj adreson. Ne gravas, ke ili ne "vere" estas uzitaj, ĉar kiel mi jam diris, ili estas pli belaj kaj samtempe tute oportunaj por eventualaj ekspozicioj.
En mia lando la poŝto emisias UTK-jn neuzitajn (sen adresoj). La posedantoj de tiaj UTK povas laŭdezire konservi ilin en tiu stato - aŭ pli poste uzi ilin en la korespondado. La poŝto rigardas tian UTK same kiel koverton surhavantan ne-stampitan poŝtmarkon. Tion mi hodiaŭ praktikas por ilustri mian diron...

Mia rimarko: Mi petas vin tralegi mian artikolon pri tiu temo denove. Certe vi tiam ekkomprenos, ke ni ja estas samopiniaj. Rigardu, ke mi nur postulas skribitan adreson sur tiuj kov kaj pk, kiuj estas afrankitaj por enlanda sendaĵo - se oni sendas ilin al amikoj eksterlandaj. Kaj la kaŭzo al tio estas, ke oni tiumaniere evitas, ke la ricevanto povos skribi sian propran adreson sur ili, ĉar se li faros tion, li ricevas senvaloran pecon por sia kolekto pro

la nesufiĉa afranko. Se nur la afranko kaj la adreso agordas la sama peco estus plenvalora. Regula enlanda letero estas same valora kiel eksterlanda letero.

La nova en la rimarko de Prodanescu estas, ke oni povas uzi UTK-n kun stampita poŝtmarko same kiel kov kun neuzita pm. Tio estas por mi tute nekonata afero. Sed Prodanescu pruvis tion sendante belegan UTK-n kun pm pri "Sapporo 72" stampita per malgranda, bela unuataga stampo 25.X.1971. Sed kiam li denove enpoŝtigis ĝin, la 2.2.1972, la poŝto (laŭ mi) tute detruigis la koverton stampanta ĝin per malbela, senfina maŝinstampo laŭlonge de la supra eĝo en la tuta larĝo de la koverto. Ŝajnas al mi, ke UTK traktate (pli bone mistraktate) tiel ne plu estas UTK, kaj la pm, dufoje stampita, ne havas alian valoron ol ordinare uzitaj pm de sama speco. La UTK ne plu estas UTK.

Certe tia uzo estas legala en pluraj landoj. Ekz. mi ricevis registritan leteron de Pollando stampita per la "Lernu Esperanton"-stampo Sopot la 2.2.1972. Tiu koverto estis provizita kun R-vinjeto stampita en Sopot 10.2.1972. La koverto estis sur la dorsflanko stampita en Warszawa la 11.2.1972 kaj alvenis al Århus la 17.2.1972. Do, tre stranga ekspedformo. Sed tiu koverto estas tamen daŭre uzebla kiel UTK pro tio, ke la postaj stampoj estis diskretaj kaj ne tuŝas la poŝtmarkon.

-

Evaristo Gil skribis i.a. pri la sama temo: ...Oni povas uzi (se ne estas enpoŝtigita) ĉiu ajn afrankon. En mia lando la kolektantoj ne estas trompitaj, ĉar ĉiu memoriga stampo estas anoncita en la filatelaj revuoj...

-

Mia rim.: Jes, tio estas klara kaj natura. La poŝto volonte stampas ĉiu ajn poŝtmarkon, ĉar tio simple estas gajno sen laboro. Ĉar oni ne

povas enpoŝtigi nesufiĉe afrankitajn kovertojn, oni nur povas konservi ilin kiel persona memoraĵo, - sed mi denove avertas: ne sendu tiajn kovertojn eksterlanden, ĉar se vi faros tion, vi trompas la ricevanton (estis tio, kion mi aludis per la vorto Trompo) Li povas ja kredi, ke la koverto estas en ordo. Kaj se li tial skribas sian propran adreson sur ĝi ŝajniĝante ke ĝi estas regule ekspedita de la poŝto, li nur kreas pseudo-poŝtaĵon ne nur senvalora sed minus-valora. Per tio li estas ne-atente trompita kaj de vi kaj de si mem. Ĉu ne?

Mi ripetas (por la lasta fojo): Mi ne postulas, ke oni afrankas la kovertojn por eksterlanda ekspedo, oni kompreneble povas uzi enlandan tarifon por presaĵo aŭ kiel ajn. - sed en tiu okazo oni ankaŭ devas surskribi enlandan adreson por konservi la imagon, ke la objekto estas poŝtaĵo - ne nur memoraĵo aŭ "souvenir"o.

Se vi deziras havi la stampaĵon sur malalta valoro de pm, ne preni tiun sur kov aŭ pk - sed sur paperpeco. Tia stampo estas uzebla por kolekto de m-tranĉaĵoj, kaj ĝi neniam povas esti kaŭzo al miskomprenoj.

Reinhold Jensen

-oOOo-

STAMPOJ 1972.

1) Sopot 1, Pollando. 2.2.72. Dulingva stampo: Lernu Esperanton! Ronda. d. 44 mm. En supra segmento: fluganta birdo. en malsupra E.stelo

2) Sopot 1. 20.2.72. Semajno de internacia amikeco. Ovala. 35x27 mm. Manpreno, E.stelo kaj laŭrbranco.

3) Sopot 1. 4.4.72. Inaŭguro de Esperanto-muzeo. Detaloj sekvos.

8888
QQQQ

TUTAĴOJ

Por mia kolekto mi sukcesis ricevi la egeraran aŭstran poŝtkarton kun enpresita E.pm je 20 groŝ. (aŭstra E.pm de 1949). Mia karto estas poŝtstampita en Wien en 1950. Do, verŝajne la eldonjaro estas 1950 same kiel por la samspeca aerogramo. La formato de la karto estas 150x116 mm. La koloro de la kartono estas flaveta, kaj krom la E.pm neniu alia teksto aŭ signo estas enpresita.

Jean Amouroux.

KLUBO-SCIIGOJ

La membrolisto

Ni bonvenigas novan membron:

48) Gaston Tremon, 31, Rue Turgot,
F - 87. Panazol. Francujo. Kol.: Pm. Glm.

Adresŝanĝo:

9) Vladimir Váňa, nun
Revolučni 54, Plzen, Ĉeĥoslovakio.

La kotizo.

La redaktoro ege miris ricevante la sciigon de la kasisto, Ivar Paulsson, ke nur la 3/4 - ono de la membroj ordigis sian kotizon por 1972, malgraŭ la averto en la antaŭaj numeroj. Skribu tuj al I.P. pri la ordigo, se vi estas inter la restantoj, aŭ skribu ke vi evt. ne pli deziras esti membro.
Ne nur silentu !!! □

Tiu ĉi numero estas la lasta, kiun ni sendas al ne-pagintaj membroj !!!

# ANONCOJ

Mi havas por interŝanĝo sekvantajn E-stampojn 1) Praha 1921 a-b, 2) Praha 1929, 3) Banska Bystrica 1934, 4) Košice 1948, 5) Liberec 1949, 6) Brno 1950, 7) Podebrady 1966, 8) Opava 1967, 9) Podebrady 1968, 10) Vsetin 1971.

J. F. Mazánek, Západni 4
Ostrava II. Ĉeĥoslovakio

Mi havas jenajn stampojn por interŝanĝo: FIN 1, HU 1, PO 1, NE 1, JU 1, ĈS 1 b, SVI 3, AU 3. Kaj mi bezonas: IT 1, BRI 1,2,3, FRA 1, SVE 1,2, BE 1,5, GE 1-2a tipo, NO 2 kaj SVI 1.
Donu al mi oferton!

Stanislaw Biesiada,
P.O. Box 44, Czestochowa 1.
Pollando

Deziras informojn pri vinjetoj (glm) kun flugmaŝinoj (aerostatoj) - ĉefe el Francujo. Interŝanĝas vinjetojn laŭ katalogo Jensen.

Gaston Tremon,
31. Rue Turgot,
F-87. Panazol.

Kiu deziras interŝanĝi Esperanto-glumarkojn, Poŝtstampojn kaj ilustritajn poŝtkartojn kun mi ?

Vilmos RADNAI,
Dunaharaszti.
Bajcsy Zs. u. 72. Hungario

---

La venonta numero de Fenikso estos elsendata la 15-an de majo. Materialo por ĝi devos esti ĉe mi antaŭ la 1-an de tiu monato.

# FORGESITA GLUMARKO

Ŝajne estas gravaj mankoj en la listo pri porokazaj glumarkoj, sed feliĉe aperas kelkfoje sciigoj, kiuj povas kompletigi la notojn, - eĉ kiuj povas eltiri tute nekonatajn markojn de malantaŭ la vualo de forgeso.

Nia membro s-ro Eliopulos ne nur klarigis la enigman tekston sur malnova greka glumarko, sed nun li ankaŭ trovis bildon de nekonata glm por la 2-a helena E-kgr en Ateno, 24-26. junio 1933. Li trovis ĝin en "Lingvo internacia" de la Supera Helena Esperanto-instituto (maj, jun, jul, aŭg) 1933.

Estas ja nur bildo, sed tamen, nun ni esperas, ke iu iam trovos la originan markon. Mirinde ke tiuj grekaj markoj ne trovis vojon al internaciaj kolektantoj, - sed falis senpere en forgeson. Eble troviĝas eĉ pluraj de tiaj surprizoj. Kiu scias ?

□

